# INTERNACIA FERVOJISTO




42a jaro n-ro 2 1990






Aldono B al Konvencio pri la internacia fervoja trafiko (COTIF)

de la 9a de majo 1980

**Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj (CIM)**

kun

Unuecaj kompletigaj preskriboj

(valida) ek de la 1a de majo 1985)

CIM en Esperanto:
Nova atingaĵo de la faka laboro de IFEF-anoj!

## REDAKTORA BABILO

En tago, kiam por momento forlasis nin la printempo por cedi al vintra vetero, alvenis per la poŝto nova fervojfaka eldonaĵo en Esperanto: **CIM** = Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj.

Kia ĝojo, post la apero de COTIF, Konvencio pri la internacia fervoja tarifo, al kiu CIM estas Aldono B, kaj post la pasintjara apero de CIV, reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (aldono A de COTIF).

Gratulon al ĉiuj IFEF-anoj, al kiuj Willi Barnickel kaj GEFA provizis printempan donacon. (Vidu apude, kiel akiri CIM kaj CIV).

Cetere la tagoj kaj semajnoj flugas preter la maljuna redaktoro. Pli kaj pli veras la vortoj de dana poeto Piet Hein pri la vivperspektivo:

Tiel konas la infano vivon.

Tiel tempo ŝanĝas perspektivon.

La maljuna red.

## FERVOJFAKAJ ELDONAĴOJ

Kompletigota listo kaj informoj pri havigebleco.

Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj (CIM)
92paĝa libreto A5. Prezo: 9.-DEM.
Mendu ĉe Karl Bernhard,Sauerbruchstr 8, D-6700 Ludwigshafen/ Rhein.

Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV).
44paĝa broŝuro A5. Prezo: 3.- DEM.
Mendu ĉe Karl Bernhard,Sauerbruchstr 8, D-6700 Ludwigshafen/Rhein.

Kelkaj Pensoj pri la stato de la fervojo kaj de Esperanto kiel fervoja faklingvo.
Prelego de la 35a IFEF-kongreso, verkis Per Engen, 20paĝa kajero A5. Mendu ĉe la IFEF-kasisto.

La Verda Relo.
66paĝa kajero A5. Prezo 10.- DEM.
Mendu ĉe Elfriede Kruse, Wiener Str 121, D-6000 Frankfurt/M 70.

IFEF-Historio 1909-1984.
80paĝa kajero A5. Prezo 6.- DEM.
Mendu ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D-3420 Herzberg am Harz.

Ekzistas aliaj. Bv informi al la IFEF-kasisto, Henning Hauge, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev (deĵore: H Hauge, klargøringen, Aalborg/DSB).

---

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40128 Bologna.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




Konstanta adreso: 42a IFEF-kongreso
Karudveien 1
N-2340 Løten
Norvegio

Poŝtĉeka konto: 2 67 31 19
42a IFEF-kongreso
Syrinveien 12
N-1700 SARPSBORG
Norvegio

HAMAR

1. La haveno
2. Restoracio Sea Side
3. La urbdomo, kiu estas kongresejo, kaj hotelo Victoria.
4. Hotelo Astoria
5. La stacidomo
6. La poŝtoficejo
7. La telegrafoficejo
8. Restoracio Stallgården
9. Restoracio Paletten
10. La urboplaco; Stortorget
11. La hospitalo
12. La katedralo
16. Stadion Gjestehus
17. La policejo
20. Sejersted Pensjonat
21. Rica Olrud Hotelo
22. Motorhotellet
23. Bellevue Bed & Breakfast
24. Hedmarktoppen
25. Toneheim Folkehøyskole
26. La Fervojmuzeo Jernbanemuseet
27. La katedralruino kaj la regiona popolmuzeo; Hedmarksmuseet
28. Ankerskogen naĝejo
P. Aŭtoparkejo

## TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 42A IFEF-KONGRESO

### Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Elekto de anstataŭanto de ĉefkomitato
3. Diskuto estrarelekto (Pr, Ks)
4. Diskuto budĝeto 1991 kaj kotizo.
5. Disdonado de jarraportoj
6. Diskuto kongresproponoj
7. Honorigo
8. Diskuto aliĝpeto de Fervojista Sekcio ĉe Slovakia E-o-Asocio
9. Disdonado de nova Statuto
10. Situacio en kelkaj landoj
11. Diskuto pri venontaj kongresoj
12. Eksteraj rilatoj
    12.1. UEA
    12.2. FISAIC (i.a. 40a jubileo)
13. Eventualaĵoj

### Plenkunsido en du partoj (publika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honorigo de la mortintoj
4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
5. Raportoj estraraj
    5.1. Sekretario
    5.2. Redaktoro
    5.3. Kasisto
6. Protokolo Salou
7. Aliĝpetoj de Fervojista Sekcio ĉe Slovakia E-o-Asocio kaj de Estonia Sekcio
8. Estrarelekto (Prezidanto, Kasisto)
9. Kongresproponoj
10. Konfirmo pri invito al la 43a Kongreso
11. Raporto ĉefkomitatano
12. Raporto de komisionoj kaj komisiitoj
    12.1. Terminara Komisiono
    12.2. Fake Aplika Komisiono
    12.3. Komisiito por Skisemajnoj
    12.4. Koresponda Servo
    12.5. Komitatano A de UEA
13. Resumo pri raportoj landaj asocioj
14. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
15. Budĝeto 1991 kaj kotizfiksado
16. Elekto de revizoroj
17. Delegoj laŭ Statuto § 4 al 2 e kaj § 8 al 3 c
18. Rilatoj al aliaj organizoj
    18.1. UEA
    18.2. FISAIC (i.a. 40a jubileo)
19. Venontaj kongresoj
    19.1. Elekto de lando 1992
    19.2. Diskuto pri pluraj eblecoj
20. Internaciaj skisemajnoj 1991 kaj 1992
21. Eventualaĵoj
22. Libera diskutado

**Kunsido de la Fake Aplika Komisiono**

1. Agado de FAK post la 41a IFEF-Kongreso - Ch
2. Faka prelego ĉijara - Kr, En
3. Faka prelego sekvontjara - Ch
4. Fervojaj aktualaĵoj ĉijaraj kaj venontjaraj
5. Fakprelega programo por 75a UK en Havano - Gu
6. Faka akompana programo al 43a IFEF-Kongreso - Ch
7. Principoj de dumjara kunlaboro de la konsilantaranoj de FAK - Ch
8. Diskutoj pri bazaj principoj de faka verkado/Fervojaj temoj - Se, Ch
9. Ceteraĵoj

Petro CHRDLE, gvidanto

**Kunsidoj de la Terminara Komisiono**

1. Raportoj
   1.1. pri nia situacio
   1.2. pri la TK-aktiveco de sTK
2. Gvidado de TK ĝis elekto-jaro 1991
3. Traktado laŭ speciala TeKu:
   3.1. Naciaj Fervojaj Vortaroj (NV)
   3.2. Aktuala Fervoja Vortaro (AV)
   3.3. Difina Vortaro (DV)
4. Diversaĵoj

Dieter HARTIG, redaktoro de TeKu

Kompilis ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

---

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI LA JARO 1989

**Antaŭrimarkigo**
La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diversspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj" (IF 6/89 p.85).

**Niaj mortintoj**
Ni eksciis pri la jenaj personoj, kiuj por ĉiam forlasis nin:

| | |
|---|---|
| Belgio: | Benomi Deduytsche |
| Finnlando: | Nils Gösta Narvala |
| FR Germanio: | Konrad Tasler |
| | Karl Simon |
| | Gernot Ritterspach |
| Hungario: | Laszlo Boronkay |
| Italio: | Dino Lanzoni |
| | Geo Climelli |
| Nederlando: | Jacobus |
| | Johannes Labordus |

Ke ili ripozu pace.

**1. Membrostato**
Bonvolu rigardi "Membrostato de IFEF" (aliloke en tiu ĉi IF).

**2. Interna laboro**
**2.1. Estrarkunvenoj**
La estraro kunvenis komplete dufoje (krom Salou), nome en Budapeŝto (H) marte, kaj en Bolonjo (I) septembre. Krome ĉeestis, kiel gastoj, en ambaŭ la ĉefkomitatano kaj en Budapeŝto d-ro Bolognesi, precipe por finpretigi la novan Statuton. La densajn tagordojn oni traktis tre kunlabore kaj konstrue.

**2.2. Ĉefkomitatano**
Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. li forsendis

unu cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la vicprezidanto.

2.3. **Vizitoj**
Ankaŭ en 1989 estraranoj partoprenis en diversaj aranĝoj. Pr ĉeestis en Havířov (CS), Sepolno (PL); Vp kaj Ĉk ĉeestis en la fervojista kunveno dum UK en Brighton (GB); Vp ankaŭ en Villach (A).

2.4. **Evoluo en kelkaj landoj**
Estonio: oni atendas signojn por aliĝo.
Japanio: venis raporteto pri reorganizigoj.
Slovakio: fondiĝis Fervojista Sekcio de Slovakia Esperanto-Asocio.
Svedio: situacio iom stagna.
Dum la lasta parto de la jaro estis multaj okazintaĵoj en la orienteŭropaj landoj, pri kies evoluoj oni devas atendi.

3. **Laborplano**

3.1. **Nova statuto**
La laboro de la Statutrevizia Komisiono komencita tuj post Perpignan rapide venis al tekstakcepto en Salou. Estraro aprobis presan kaj distribuan planon de la nova Statuto.

3.2. **Koresponda Servo**
Ĉesis la honorinda diligenta servo de s-ro Jean Demissy (F). Komencis tiu de s-ro George Joly (F).

3.3. **Junularo**
Nenio estas rimarkinda.

3.4. **Terminara Komisiono**
1989 estis jaro, en kiu multflanka, giganta laboro atingis sian celon: aperis nia Fervoja Terminaro kun 10.204 unuecaj terminoj laŭ Generala Leksikono de UIC. Dankojn kaj honorojn IFEF ŝuldas al multaj kunlaborantoj sed precipe al ĵus forpasinta Gernot Ritterspach (D) kaj al Heinz Dieter Hartig (D).

3.6. **Fake aplika Komisiono**
Fakprelega Komisiono ricevis modifitan nomon kaj havas novan gvidanton: d-ro Petr Chrdle (CS).

3.7. **Fervojista kontaktkunveno dum la 74a UK**
En Brighton okazis fervojista kunveno, sub gvidado de IFEF-Vp Inĝ.István Gulyás kaj de Ĉk Lucien De Sutter, en kiu partoprenis 36 homoj el 11 landoj, inter kiuj Oszkar PRINCZ, estrarano pri fakaj kaj landaj asocioj, oficiale reprezentante UEA. Vp raportis pri Salou kaj Ĉk informis pri la venontaj IFK. Okazis ankaŭ interesaj fakprelegoj kaj bela faka vizito.

4. **Aranĝoj**

4.1. **IFEF Skisemajno**
La 30a IFES okazis de la 28.01 ĝis 04.02.1989 en Mühlbach (A), en kiu ĉeestis 47 homoj el 7 landoj (vidu IF 2/89, p.30).

4.2. **IFK = IFEF-Kongreso**
La 41a IFK okazis de la 13 ĝis la 19.05.1989 en Salou (E), en kiu ĉeestis 554 partoprenantoj el 23 landoj.
Jen la plej gravaj eventoj:
a) FISAIC-reprezentanto, S-ro Steppe (B), kiu alparolis la kongreson en Esperanto, plene partoprenis dum la tuta manifestacio.
b) En estrarelektoj konfirmiĝis Vp kaj Rd; la nova Sk Romano Bolognesi (I) anstataŭis la demisiintan Otto Rösemann (D).
c) Oni prezentis IFEF-"Fervojan Terminaron en Esperanto".
d) La komitato aprobis novan

Statuton.

e) K-go Guerrero (E) fakprelegis pri la RENFE-projekto por enkonduki la internacian ŝpuron per novaj rapidaj linioj en Hispanio.
f) Oni organizis interesajn ekskursojn, precipe tiun al la Ebro-delto.
g) Estis belaj distraj vesperoj, inter kiuj elstaris Flamenko-dancado.
h) IFEF memorigis la 80jaran esperantistan agadon inter fervojistoj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter IFEF kaj UEA daŭre estas bonegaj. D-ro István Bacskai (H) estis nomumita honora membro de UEA.

**5.2. FISAIC**

Pri la intereso de s-ro Steppe (B) jam estis dirite. Pri la venonta (1992) FISAIC-40a jubileo, kiun oni festos en Epernay (F), plurlingva broŝuro estos verkita kaj i.a. tradukita en Esperanton, por posta tradukado kaj presado ankaŭ en aliajn lingvojn.

**Fina komentario**

1989 ja estis jaro fruktodona. La presado de la "Fervoja Terminaro" kaj la aprobo de nova Statuto montras signojn de vigla agado kaj de bona internacia kunlaboro. Ankaŭ la Kongreso de Salou montris kapablecon kaj entreprenemon de nia kategorio. Tamen ni devas sukcesi malhelpi la stagnadon en kelkaj landaj asocioj, kie malabundas la gejunuloj kaj danĝere kreskas la pensiularo, krome profiti de la multaj ŝanĝoj en diversaj aliaj situacioj, nome kie estas multaj ne-IFEF-membroj kaj kie estonte oni espereble sukcesos libere interŝanĝi la valutojn kaj favorigi la internaciajn pagojn, la vojaĝojn, k.c. Tiel nia estonteco estos certe pli favora.

Bolonjo, februaro 1990

Romano Bolognesi
Sekretario

---

## RAPORTO DE LA REDAKTEJO DE INTERNACIA FERVOJISTO PRI 1989

Per la kutimaj 6 numeroj de po 16 paĝoj ni ankaŭ en 1989 klopodis kontentigi plejeble multajn dezirojn, tiel ke la rezulto espereble estis miksaĵo de la necesaj administraj kaj federaciaj informoj, kaj fakaj interesaĵoj.

Ne malpli la fervojaj informoj formas apenaŭ solveblan enigmon dum la redaktado. Car kio estas aktuala novaĵo al unu, estas jam konata afero al alia. La membraro de IFEF ja - feliĉe - formas nehomogenan mason, ĉu laŭ lando, ĉu laŭ profesio.

Kompreneble ni pardonpetas al tiuj, al kiuj fervoja novaĵo estas malnovaĵo, kaj ni petas vin pensi kaj agi tiel: 1. Goju ke la informo ekzistas nun **ankaŭ** en Esperanto, kaj 2. sendu tuj noticon al la redakcio de IF pri tio, kion **vi** konsideras novaĵo! Per tia agado ni havos baldaŭ informriĉan kaj al plej multaj legantoj legindan revueton. Grava peto: Verku mallonge! La redaktoro disponas pri tre limigita tempo, kaj ofte estas malfacile trovi en longa artikolo la esencon (esenco = laŭ PIV 3: La kerno, la plej ĉefa parto, la nepra, nemalhavebla ecaro de io). Ne povas esti sekreto, ke ni disponas pri limigita spaco, kiam temas pri 96 paĝoj de formato A5 dum unu jaro.

Ni uzis en 1989 grandan lokon por la Fervojaj Aktualaĵoj, eĉ tiom, ke la kongresa protokolo aperis nur en n-

ro 5. Tio estis eraro, kiun ni klopodos eviti estonte. Supozeble la Aktualaĵoj aperos nur resume en IF kaj plene en aparta kajero.

Sed ne ekzistu dubo pri tio, ke la redaktoro favoras aplikon de Esperanto por fervojfakaĵoj kaj laŭeble ampleksan fervojan enhavon de IF.

Al ĉiuj helpantoj, apogantoj, simpatiantoj kaj favorantoj, ne malpli la teknika kunlaborantaro estu jen direktita granda danko.

Næstved, en februaro 1990

E Henning Olsen

---

RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1989

| Enspezoj: | DKK | Elspezoj | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 37730.97 | Internacia Fervojisto | 25794.00 |
| Terminara fonduso | 2127.28 | Estraro | 4459.60 |
| Junulara fonduso | 349.95 | Administrado | 4504.80 |
| Rentoj | 458.80 | Reprezentado | 652.55 |
| | | Kotizoj | 750.00 |
| | | Terminara fonduso | 2127.28 |
| | | Junulara fonduso | 349.95 |
| | | Deskribo inventaro | 2000.00 |
| | | | 40638.18 |
| | | Plienspezoj | 28.82 |
| | 40667.00 | | 40667.00 |

BILANCO JE LA 31.12.1989

| Aktivoj | DKK | Pasivoj | | DKK |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 1799.01 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11162.27 |
| Poŝtĝirkontoj | 16664.22 | Junulara Fonduso | | 2509.15 |
| Bankkontoj | 25318.90 | Terminara Fonduso | | 19715.11 |
| Inventaro | 2781.55 | Havaĵo 1.1.1989 | 13148.33 | |
| | | Plienspezoj | 28.82 | 13177.15 |
| | 46563.68 | | | 46463.68 |

MEMBROSTATO

| Lando | 1989 | 1988 | Lando | 1989 | 1988 | Lando | 1989 | 1988 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 133 | 133 | Francio | 210 | 210 | Nederlando | 44 | 42 |
| Belgio | 50 | 50 | FRGermanio | 638 | 661 | Norvegio | 42 | 75 |
| Britio | | | GDR | 20 | 20 | Pollando | | 40 |
| Bulgario | 90 | 90 | Hispanio | 96 | 101 | Svedio | 71 | 76 |
| Ĉeĥoslovakio | 46 | 26 | Hungario | 201 | 201 | Svisio | 70 | 70 |
| Ĉinio | 20 | 20 | Italio | 162 | 162 | Individuaj | 4 | 4 |
| Danio | 65 | 65 | Japanio | | 17 | | | |
| Finnlando | 20 | 21 | Jugoslavio | 60 | 60 | | | |

## KONGRESPROPONOJ

**Propono n-ro 1**
Pro la anoncita demisio de s-ro Joachim GIESSNER, prezidanto de IFEF de post 1968, la estraro de IFEF proponas kiel prezidanton de IFEF s-ron Per ENGEN el Norvegio.

Prezentadon vidu aliloke.

**Komentario**
La nuna IFEF-prezidanto, s-ro Joachim GIESSNER sendis demisian leteron al la ĉefkomitatano.

Neniu alia persono deklaris sin preta kandidatiĝi por tiu ofico.

**Propono n-ro 2**
Komitatano Lucien DE SUTTER (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:

reelekti la ĝisnunan kasiston, s-ron Henning HAUGE el Danio.

De li ne venis demisio.

**Propono n-ro 3**
Baze de la § 8 (4) de la IFEF-Statuto, respektive de ĝia Generala Regularo, la IFEF-vicprezidanto, inĝ. István GULYÁS el Hungario, nome de la IFEF-estraranoj vicprezidanto, sekretario, kasisto kaj redaktoro, proponas nomumi s-ron Joachim GIESSNER: "Honora Prezidanto de IFEF".
Tiu propono estas apogita kaj subskribita de:
- la komitatanoj:
  * s-ro Leopold PATEK el Aústrio
  * s-ro Lucien DE SUTTER el Belgio
  * inĝ. Achim MEINEL el Germana Demokrata Respubliko
  * s-ro János PATAY el Hungario
  * s-ino Gertrud EGGENBERGER el Svislando;
- la kromkomitatano:
  d-ro Petr CHRDLE el Ceĥoslovakio.

Motivon vidu aliloke.

**Propono n-ro 4**
Kromkomitatano, d-ro Petr CHRDLE el Ceĥoslovakio proponas:

Sekretario de IFEF regule dissendu protokolojn el estrarkunsidoj ne nur al estraranoj, sed ankaú al ĉiuj komitatanoj kaj kromkomitatanoj, kiuj nur estante bone informitaj povas iamaniere pli efike agi dum la jaro kaj prepari sin al komitatkunsidoj.

La ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

## PREZENTADO DE LA PREZIDANTO-KANDIDATO

S-ro Per ENGEN estas konata de plej multaj IFEF-anoj, i.a. ĉar li estis vicprezidanto de IFEF de 1980 ĝis 1988.

Per ENGEN naskiĝis en 1924 en Hokksund, Norvegio. Li komencis kiel aspiranto ĉe la Norvegaj Ŝtataj Fervojoj en jaro 1942, kaj li trapasis la diversajn deĵorrangojn en la funkcia servo, ĝis li en la jaro 1963 fariĝis trafikinspektoro en Hamar distrikto de NSB.

Dum periodo li estis funkcia direktoro en la ĉefadministracio de NSB, ĝis li fariĝis distriktĉefo por Bergen distrikto, unu el la plej signifoplenaj postenoj de la norvegaj fervojoj.

Tiun oficon Per ENGEN plenumis ĝis la nova struktursistemo nuligis ĝin. Li elektis la postenon de regiona pasaĝerĉefo en Bergen, kio donas al li kunordigan taskon en la regiona gvidantaro.

Li posedas plurajn estraroficojn en la regiona trafika entreprenaro, kaj sian nordian intereson li montris per plurjara prezidanteco de "Nordia Fervojista Societo", pli ol 100jara meritita kaj prestiĝa societo.

Per ENGEN fariĝis esperantisto, kiam li estis tre juna knabo, kaj li ĉiam

estis ege entuziasma samideano. Li montris bonegajn laborfortojn dum la organizado de la 17a IFK en Hamar 1965. Li kunlaboris en la fervoja terminareto norvega - Ea, Ea - norvega, kiu aperis en 1968. Li partoprenis IFEF-kongresojn kaj estis norvega komitatano, ĝis li fariĝis vicprezidanto de IFEF.

En la estraro de IFEF li ĉiam emfazis la fakan karakteron de la Esperanto-laboro, kio rezultis en la prelego "Kelkaj pensoj pri la stato de la fervojoj kaj de Esperanto kiel fervoja faklingvo" dum la 35a IFK en Ostendo 1983.

---

## MOTIVO POR NOMUMI S-RON J. GIESSNER "HONORA PREZIDANTO DE IFEF"

S-ro J.Giessner naskiĝis la 23an de decembro 1913. Post la fino de liaj lernejaj studadoj li laboris ĉe la Germanaj Fervojoj (DB) en diversaj postenoj, interalie 25 jarojn kiel staciestro, krome longe en la interna servo de la DB.

Li esperantistiĝis en 1950. Unu jaron poste li faris ekzamenon pri kursogvidado. En 1951 li fondis fervojistan Esperanto-klubon en Bielefeld (FR Germanio). En 1952 li estis membro de LKK de la 4a IFK en la urbo Lindau. En 1953 li estis elektita sekretario de GEFA kaj lanĉis la klarigojn de la DB-horarlibro en Esperanto. En 1954 li estis GEFA-redaktoro kaj li lanĉis prospekton de la DB en Esperanto. Inter la jaroj 1954 kaj 1962 aperis 8 tiaj prospektoj je lia iniciato. De 1955 ĝis 1968 li estis delegito de GEFA ĉe IFEF: Li atingis, ke la klarigoj aperu en Esperanto ankaŭ en la horarlibro de longdistancaj trajnoj. En 1956 li estis elektita prezidanto de GEFA kaj ĉefkomisiito de la fervoja "Sociala Servo", eĉ tio ĝis nun. Inter la jaroj 1956 kaj 1961 li kunlaboris en "Esperanto-Filmo-Germanio" (2 filmoj po unu-horon daŭrantaj kaj 4 diskoj kun kantoj, grandparte mem tradukitaj). Li tradukis dekojn da operaj kaj operetaj arioj, popolkantoj, ktp. En Universala Kongreso (okazinta en Mainz) li organizis kaj gvidis DB-giĉeton. En 1969 li fariĝis gvidanto de la fakprelega laboro de IFEF.

En 1965 li atingis, ke la IFK-oj aperu en la aranĝkalendaroj de FISAIC, seninterrompe de jaro al jaro ĝi aperas ankaŭ nuntempe. Dum la 19a IFK (Fulda) li estis LKK-prezidanto. Tiu kongreso estis la unua sub la aŭspicio de FISAIC. Por tiu kongreso li verkis fakprelegon sub la titolo "Skribaj ordonoj por trajnoj". Paralele al la indikitaj agadoj li efektivigis multajn internajn taskojn de GEFA, li fondis fervojistajn Esperanto-klubojn en urbojn Braunschweig, Elze kaj Herzberg. Li gvidis multajn kursojn, verkis multajn artikolojn por fakaj, sindikataj kaj publikaj gazetoj, li prelegis en internaciaj aranĝoj de neesperantistaj organizoj. De la jaro 1968 li estas prezidanto de IFEF.

En 1970 li estis distingita per ora medalo de FISAIC. En 1973 li enkondukis specialajn jarajn renkontiĝojn por emerituloj ĉe GEFA. En 1974 li gvidis la DB-giĉeton dum UK en Hamburg. De 1976 ĝis 1985 li gvidis la "Historian Komisionon de IFEF".

En 1981 li estis LKK-prezidanto de IFK en Regensburg. En la sama jaro li lanĉis kasedon por kunkanti en ekskursoj kaj kluboj. En tiu jaro li estis distingita per medalo de Germana Esperanto-Asocio "Pro la Merito". En 1984 la Federacia Respubliko Germanio distingis lin per "Meritkruco" pro la okupado de li por interpopola interkompreniĝo. En 1985 li estis LKK-membro de UK en Augs-

burg, paralele li gvidis DB-giĉeton de tiu UK. Li aktive kaj rezultohave laboris en la "Jubilea Komisiono de UEA" ĝis 1987. Li tradukis romaneton "La lastaj infanoj de Oldrovalo" el germana al Esperanto okaze de la centjara jubileo de Esperanto. De 1964 (seninterrompe ankaŭ nuntempe) li multe kaj rezultohave klopodas helpi al FISAIC por starigi landajn sekciojn de tiu, ekzemple en Britio, Hispanio, Norvegio, Hungario kaj Bulgario. En 1988/89 li estis membro de la statut-revizia komisiono de IFEF.

## TK-INFORMOJ

En multaj landaj sekcioj de la Terminara Komisiono oni diligente aktivas por aldoni al la Fervoja Terminaro (FT) la nacilingvan tradukon.

Tial tiuj TK-informoj antaŭokuligu al vi la avantaĝojn kaj la utilon de la NACILINGVAJ FERVOJAJ VORTAROJ (NV).
Necesas unue superrigardo:
Komune ni tradukis la seslingvan UIC-Leksikonon (LG IV). Esperanton, la sepan lingvon, ni aldonis 1989 en Salou en formo de suplemento: LA FERVOJA TERMINARO (FT).

Al tiu Fervoja Terminaro nun ĉiu landa sekcio aldonas sia(j)n nacia(j)n lingvo(j)n. Jen la NACILINGVA FERVOJA VORTARO (NV).

En Fervoja Terminaro kaj Nacilingvaj Fervojaj Vortaroj estas krom la kurantaj numeroj de la UIC-Leksikono ankaŭ la kodnumeroj indikitaj.

La granda utilo de la Fervoja Terminaro kaj la Nacilingva Fervoja Vortaro estas okulfrapa:

- La fervojaj fakvortoj en Esperanto estas en la Fervoja Terminaro kaj en ĉiu Nacilingva Fervoja Vortaro identaj.
- Ĉiu Nacilingva Fervoja Vortaro estas suplemento al la UIC-leksikono.
- Per la Nacilingva Fervoja Vortaro vi povas utiligi la UIC-Leksikonon en via gepatra lingvo.
- Per la kurantaj numeroj vi povas facile trans via Nacilingva Fervoja Vortaro utiligi la seslingvan UIC-Leksikonon.
- Trans via Nacilingva Fervoja Vortaro vi povas facile per Esperanto aŭ la kuranta numero trovi fervojfakajn tradukojn en aliaj lingvoj, kiujn vi sendube alimaniere apenaŭ povus atingi.
- Per la aldono de la fakkodoj vi tuj ekkonas, al kiu fako la termino apartenas.

**Jen por vi rekte utiligebla rezulto de la TK-aktiveco!**

Fakte, per la NACILINGVAJ FERVOJAJ VORTAROJ iĝos Esperanto unika internacia rimedo inter fervojistoj.

Dieter Hartig

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Bonvolu noti la novan adreson de FKS:
Georges JOLY, 19 rue Seguin,
F-69002 LYON.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

## 31a IFES, SAND IN TAUFERS, DRUMLERHOF

Ĉijare nian alvenon al IFES kaj ĝojon denove revidi bonajn amikojn influis la ŝoka novaĵo, ke Gernot Ritterspach mortis survoje al la skisemajno. La memoro pri Gernot influis la ĉijaran aranĝon, parte ĉar li partoprenis la preparlaboron. Tamen Elisabeth & Vitus Röder kaj iliaj helpantoj ĉefe de la germana grupo prizorgis, ke ni pasigis agrablan semajnon kune.

Bedaŭrinde ne estis tro da neĝo, sed frostis tiom. ke la 'neĝkanonoj' povis labori, kaj pri la pistoj kaj lojpoj ni aŭdis nur laŭdajn vortojn de tiuj, kiuj preferis rigardi la montaron kun 'ligno' sub la piedoj.

Dimanĉe akompanis nin niaj italaj amikoj Molesini (IFEA-repr. ĉe DLF, Verona) kaj Bolognesi (IFEF-sekr.), Molesini kiel gvidanto de promenado al la kastelo kaj Ahornach en sunbrila vetero. Dum la cetera tempo Gimelli prizorgis la 'italan influon', kaj diversaj partoprenantoj aranĝis alpinajn, longdistancajn kaj 'platlandajn' (por piedirantoj) ekskursojn - kaj poste konkursoj en la samaj disciplinoj - dum la tagoj, kaj dum la vesperoj ni kantis, vidis filmon pri la pasintjara IFES (Hilaire kiel kutime), iris en procesio



kun torĉoj al la kastelo (la hotelestro aranĝis), okazigis lingvan konkurson (majstre faritan de Gernot, 'plene surbaze de PIV') kaj amuziĝis dum la tradicia karnavala vespero.

Bedaŭrinde tro rapide atingis nin la vendreda vespero, kiam ni finis per disdonado de la premioj. Kelkaj devis poste reorganizi la pakaĵojn por havi lokon por la belaj premioj, kiujn IFEA helpe de DLF en Verona kaj Bologna akiris. La plej gravan premion, la IFEF-premion, gajnis Josette Vonay, Francio.

Antaŭ ol ni enlitiĝis por esti pretaj hejmenvojaĝi la IFES-flagon ricevis la reprezentanto de FFEA, Josette, por indiki, ke jam nun ili invitis al la 32a IFES-aranĝo: Inter la 2a kaj la 9a de februaro 1991 en Les Contamines-Montjoie proksime al La blanka Monto. Ĝis la!

Jan Niemann

---

## Nova ORIENT-EKSPRESO de Bankoko al Singapuro

Kun la eŭropa Orient-Ekspreso kiel modelo Azio akiros propran luksan trajnon, kiu veturos la 2000 km longan distancon inter Bankoko kaj Singapuro.

London-societo kune kun la tajlanda fervojkompanio SRT aranĝos, kaj trovis en Nov-Zelando 30 vagonojn, kiuj en Singapuro estos renovigitaj kaj transformitaj en luksajn vagonojn.

La trajno veturos suden tra Tajlando kaj Malajzio al Singapuro, kaj ĉar tiu regiono nuntempe spertas gravan kreskon - ekonomie kaj turisme - SRT atendas konsiderindan profiton.

Krom la tradicia luksa restoracivagono kaj aliaj luksaĵoj atendas la vojaĝantojn kazinovagono, kiu funkcios en Singapuro kaj Malajzio, kiuj ambaŭ permesas la monludon, dum en Tajlando ĝi estos fermita-

Post du jaroj estos la premiero.

(Laŭ dana ekonomia gazeto Børsen)



**REVO PLENUMITA, FUNEBRO ALDONITA GERNOT RITTERSPACH MORTIS**

La 13an de januaro 1990 forlasis nin por ĉiam Gernot Ritterspach en Germanio. Malofte en la vivo trafas novaĵo tiel akre kiel fulmo el serena ĉielo. Skuitaj ni ĉiuj remetis je tiu dato la telefonaŭdilon post ekscio pri la neniel antaŭvidita morto.

Survoje kun sia edzino al la IFEF-skisemajno li mortis en trajno baldaŭ post forveturo el la hejmloko Mainz.

Ses tagojn poste, okaze de la entombiga ceremonio en Mainz, akompanis lin apud parencoj kaj kolegoj multaj anoj de GEFA el tuta Germanio kaj ĉefkomitatano de Sutter. Joachim Giessner esprimis la emocion de ĉiuj liaj amikoj parolante en la tombeja kapelo.

Tio estas la krudaj faktoj, malantaŭ kiuj kaŝiĝas tragedio. Forlasis nin ne iu ajn membro, sed neanstataŭebla kolono falis. Homo, kiu de post 1956 seninterrompe gvidis, influis, progresigis, en ne priskribebla maniero pliriĉigis la fakan laboron de IFEF. Sen li ni ne havus nian nunan terminaron. Ĝi estis lia revo dum jardekoj. Por ĝi li ofertis siajn fortojn, tagojn kaj noktojn. Kaj antaŭ sia morto, en la kongreso en Salou, li fine povis prezenti tiun verkon kun pli ol dekmil terminoj, kiun li kreis kun la kunlaborantoj de la Terminara Komisiono. Ĝi estis la kronado de lia vivo. Kaj li ankaŭ estis la motoro por la kongresaj prelegetoj "aktualaĵoj el diversaj landoj" dum la pasintaj jaroj.

Lia posteno ĉe la Germana Federacia Fervojo donis al li multajn eblecojn sur nacia kaj internacia terenoj por konsiderinde helpi al la perfektigo de la terminaro. Tamen la agado de Gernot Ritterspach ne elĉerpiĝis en la pure terminara sektoro. Liaj kapabloj estis tiel multflankaj, ke ĉie ajn, ĉu internacie, ĉu nacie, kie la fervojista Esperanto-movado bezonis homon, kiel fakan interligon al aliaj Esperanto-organizoj, li pretis transpreni tiujn kontaktojn, ekz. ĉe Terminologia Esperanto-Centro de UEA aŭ en la Germana Esperanto-Instituto. Unu el liaj plej elstaraj ecoj estis lia helpemo, lia troa helpemo, kiu sendube kaŭzis dum la jaroj lian troŝarĝadon. Alivorte, li estis homo, kiu ne povis malakcepti peton; li helpis, konsilis, transprenis, reviziis, verkis, prelegis, aktivigis aliajn, planis, kreis. Li estis kaj restis ĝentila eĉ sub tiu troŝarĝo kaj neniam seniluziigis siajn amikojn. Kaj li havis centojn da amikoj, kiuj estimis lin kiel korifeon kaj modestan homon samtempe.

Pri Gernot Ritterspach, kiu esperantistiĝis 1949, apenaŭ necesas mencii, ke li de pli ol tri jardekoj vizitis la IFEF-kongresojn, multajn UK-ojn, naciajn kaj internaciajn

jarkunvenojn, seminariojn, skisemajnojn, en kiuj li tre aktive kunlaboris, prelegarangojn. Pro sia en 1971 jam 15jara gvida funkcio en la Terminara Komisiono de IFEF kaj en GEFA - en 1966 li i.a. eldonis la unuan nacilingvan terminareton kun 2000 terminoj - li tiam ricevis la arĝentan medalon de FISAIC.

Neforgesebla estas lia amikeca maniero gvidi la kunsidojn de la komisionoj, same neforgeseblaj liaj konstruaj kontribuoj en ĉiuspecaj kunvenoj kaj lia kunlaboro en LKK-oj de la IFK Fulda kaj Regensburg. Simple ne eblas per vortoj aprezi la tridekkvinjaran agadon de Gernot Ritterspach por la fervojista kaj ankaŭ la ĝenerala Esperanto-movadoj. Ni nur povas profunde funebri. Kaj ĉiuj, kiuj legas tiun nekrologon, ekkonu, ke Gernot ankoraŭ vivus, se li ne daŭre estus suferinta pro troŝarĝo. Kaŭzis tion manko de aktivuloj en niaj vicoj, inter ni ĉiuj. Kaj ni ĉiuj ankaŭ ekkoni la konsekvencon: Ni fine aktiviĝu, ni helpu, ni kunagu!.

Ni perdis amikon, kiun ni neniam forgesos. Al lia edzino Elisabeth apartenu la lastaj vortoj. Si ja akompanis lin en lia poresperanta vivo. Sincere ni kondolencas. Si havu la forton, venki tiun sortobaton kaj retrovu ofte la vojon al liaj amikoj, kiuj ja estas ankaŭ ŝiaj amikoj.

Joachim Giessner
prezidanto

## KUNLABORO DE BALKANAJ ESPERANTISTOJ

Fine de septembro 1989 okazis en sudjugoslava urbo Ohrid la 3a konferenco de balkanaj esperantistoj. La konferencon ĉeestis pli ol 400 partoprenantoj el Bulgario, Greklando kaj Jugoslavio, dum el la aliaj balkanaj landoj (Albanio, Rumanio kaj Turkio) venis nur skribaj kontribuaĵoj (artikoloj, leteroj kaj telegramoj) Skriba saluto venis ankaŭ de Universala Esperanto-Asocio (UEA) el la plumo de Spomenka Štimec, nova estraranino pri kulturo.

La konferenco okazis sub la temo "Kontribuo de la Esperanto-movado al kunlaboro de la balkanaj landoj en sferoj de kulturo kaj turismo", sed okazis ankaŭ pluraj fakaj kaj aliaj kunvenoj (tradukantoj, redaktoroj, verkantoj, fervojistoj kaj aliaj), La fervojistoj prezentis du kontribuaĵojn al la konferenca programo: 1) Ekologia aspekto de moderna turismo kaj 2) Reto de "rapidaj" fervojaj linioj en Eŭropo. Aŭtoro de ambaŭ kontribuaĵoj estis mgro G.Sredič, prezidanto de JAFE.

Je la fino de la konferenco estis akceptita rezolucio, en kiu oni inter alie demandas registarojn de la balkanaj landoj krei kondiĉojn por regula instruado de Esperanto en la bazaj eduksistemoj de unuopaj landoj. Ankaŭ la protekto de la naturo kaj aliaj kulturaj valoroj estis aparte emfazita en la rezolucio. En la vespera programo Bulgara Esperanto-Teatro el Sofio prezentis teatraĵon "Lanĉo" de Emilija Lapenna, kiu ankaŭ ĉeestis la konferencon.

La sekvonta Esperanto-konferenco de balkanaj landoj okazos post du jaroj probable en Istanbul kaj intertempe la kunlaboron koordinos la Jugoslavia Esperanto-ligo (JEL).

F.Ero



## NEKROLOGO

### FORPASIS VETERANO Josip Zupanič (1896-1990)



Fervojista Esperanto-movado perdis antaŭ nelonge sian veteranon tre bone konatan ne nur en Jugoslavio sed ankaŭ en ĉiuj eŭropaj landoj. Tuj post sia 94a naskiĝtago en Zagreb mortis Josip ZUPANIČ, honora membro de IFEF kaj honora redaktoro de Jugoslavia Fervojisto. Oni povas libere diri, ke per lia morto finiĝis aparta epoko en la evoluo de la Esperanta movado inter fervojistoj al kiu li apartenis plurajn jardekojn.

Josip Zupanič naskiĝis en Lupoglav (Istrio) la 4an de marto 1896 de kie li fuĝis post la unua mondmilito kaj oficis kiel fervojisto unue en Slovenio kaj poste en Beograd kaj Zagreb, kie li ankaŭ pensiiĝis (post la dua mondmilito). Kiel juna fervojisto li ekinteresiĝis pri Esperanto, kaj inter la du mondmilitoj kun grupo da aktivuloj ĉefe el Beograd kaj Zagreb li estis membro de la estraro de la Internacia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (IAEF).

Post la lasta milito li aktive laboris je disvastigo de Esperanto inter jugoslaviaj fervojistoj. Li kunfondis Fervojistan Esperanto-societon en Zagreb kaj helpis fondon de la societoj en aliaj fervojnodoj. Li estis ankaŭ kunfondinto de nia Asocio (en la jaro 1955). La plej grava aktiveco de Josip Zupanič estis tiu en kompilado de fervojaj fakaj terminoj kies listojn li aperigadis en JUGOSLAVIA FERVOJISTO estante ĝia ĉefa redaktoro dum pluraj jaroj. Li tradukis Internacian konvencion pri la fervoja vartrafiko (CIM) kaj kunmetis "Fervojan terminaron" el 3000 terminoj. Por sia aktiveco li estis plurfoje distingita.

Ni gardos nian karan veteranon en eterna memoro.

IFEF + JAFE

---

### Forpaso

Bedaŭrinde forlasis nin tre fidela membro de Kolonjo, FRGermanio, nome **Heinrich Ross**, naskita 6.3.1908, mortinta 28.2.1990.

Jam en 1928 Heinrich Ross komencis lerni Esperanton, kaj tuj post la milito li fariĝis membro de GEFA/IFEF. Multajn IFK li vizitis, i.a. Helsinki, Stockholm, Verona, Stoke-on-Trent, Hamar, Maribor kaj ankaŭ kelkajn Universalajn kongresojn. Li estis dum multaj jaroj tre aktiva esperantisto. Ni ne forgesos nian fidelan amikon kaj membron!

GEFA/IFEF

---

Fervoja Koresponda Servo,
s-ro Georges JOLY, 19 rue Seguin,
F-69002 LYON.
Sendu indikojn pri vi mem kaj pri via deziro. Aldonu internacian respondkuponon.




Partoprenantoj de la 31a IFES - raporton legu sur paĝo 28.

INVITO

GEFA-distrikto Kolonjo invitas al la ĉijara printempmigrado ĉirkaŭe je la Ölberg (Oleomonto) de la "Siebengebirge" (Sepmontaro).

Ni renkontiĝos en la stacidomo Königswinter je la 10a horo, la 5an de majo 1990. Per aŭtobuso ni veturos al Margarethenhöhe, migros sen granda penado dum 60 minutoj ĉirkaŭ la Oleomonto, kaj poste ni manĝos en la hotelo Margarethenkreuz.

Posttagmeze ni havos okazon je kaftrinkado en Königswinter. Se iu volas tranoktadi en Königswinter, bonvolu anonci tion ĉe E.Herlitze, Prof-Neu-Allee 32, D-5300 Bonn 3.

ENHAVO

Fervojaj eldonaĵoj .............. 18
42 IFK
Hamar .......................... 19
Tagordoj ....................... 20
Jarraportoj: sekretariejo ..... 21
redaktejo ........ 23
kasisto .......... 24
Kongresproponoj ............. 25
Motivo honora prezidanto ..... 26
TK-informoj .................... 27
31a IFES ....................... 28
Nova Orient-ekspreso .......... 28
Nekrologoj ..................... 29
Kunlaboro Balkano .............. 30

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en majo, estas 25.04.1990

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved.